PENSEO

N-ro 135

Dec./2002

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 http://anteo.topcities.com

# Larmoj de Generalo (III)

Liu Yazhou

**(5) Tai'erzhang Batalo estas enskribita en historia lernolibro. La batalo vivas por ĉiam.**

En pli ol monato ekde la 28-a, marto de 1938, Tai'erzhuang fariĝis mortiga maro. La du tre similaj nacioj kun malsamaj celoj terore mortigis unu la alian.

Iuvespere Generalo Zhang Zhizhong legis kun larmo en okuloj, soldato falete kuris endomen kaj raportis, "Komandoron! Li, li revenis." La soldato aspektis timege. "Kiu revenis?" "Sun, Majoro Sun." "Kio?" La homo foriris antaŭ dudek tagoj, kaj se li revenos, li bezonas dudek jarojn, sed nur pasis dudek tagoj.

La pordo malfermiĝis. La eniranto estis ja la garnizona majoro Sun Eryong. Li aspektis pala kaj liaj haroj estis senorda, kvazaŭ veninta el alia mondo. La uniformo estis preskaŭ ŝirita kiel ŝtofpecoj. Li senparole salutas milite al la generalo. Lia okuloj rugiĝis. "Mi vivas. Mi ne mortis."

Tiam la ekzekutanta soldato tremiĝis kaj pafis dufoje kaj ne trafis lian gravan parton. Li kuŝis tage en kamparo. Iu popolano trovis lin kaj prizorgis lin. Kiam li resaniĝis, la popolano konsilis al li foriri, sed li persiste serĉis la armeon.

Generalo Zhang silentis ĉiam kaj li faris tri ordononjn: 1. transŝanĝu la uniformon por li; 2. preperu abundan manĝajon; 3. kaptu lin kaj poste finu la aferon.

Finu, kiel finu? Li jam estis finita kaj la plej alte finita.

La vicgeneralo revenis al Zhang kaj esploreme demandis, "Ĉu lasi Sun eniri garnizonan batalionon." Zhang forte respondis, "Vi volas lasi lin kiel majoron, ĉu ne?"

La vicgeneralo ĝojis enkore. Tio signifas ke la vortoj de Zhang subkompreniĝas "Ne lin mortigi". La vivo de Sun Eryong estas en sia poŝo.



La situacio ekŝanĝis post unu nokto. Matene de sekva tago la vicgeneralo ekmiris, ke la ĉambro de Generalo Zhang estas plena je densa fumo kun la pordo firme malfermite. Fajriĝas? Ne. Alproksimikiĝinte al la tablo, li vidis, ke la cigaredero j estas sur planko. La generalo fumis tutnokte. Sur la tablo kuŝas multaj paperoj, en kiuj estas skribitaj vortoj: Eryong, Eryong……multaj.

Li kortremis, ke malbona afero alvenos.

Post la matemanĝo la generalo Zhang okazigis la kunvenon de altrangaj generaloj.

**(6) Trafis kiel tondro la decido de la kunveno, ke Sun Eryong estas mortigota refoje.**

Poste la vicgeneralo sciiĝis, ke Zhang Zhizhong elmetis la ideon. Lia motivo estas ke li bezonas la armeon kun fera disciplino.

Ĉiuj generaloj opiniis, ke la decido estas prava kaj ĉiuj larmis pro la decido.

Nur Generalo Zhang ne larmis. Li turnis sin al alia parola temo, "Hieraŭ Generalo Li kunvenigis nin al sia……

**(7) Vespere la militleĝa sekciestro eniris**

**kun la ordono de Zhang en la ĉelon, kie malliberiĝis Sun Eryong. Sun stariĝis.**

Kun emocio la sekciestro legis la ordonon. Leginte lastajn frazojn li balbute legis. Tamen Sun Eryong aspektis tankvila. Li staris senmove kun brusto levita kiel statuo. En sia tuta vivo en armeo li faris tion sennombre. Ne estis venonta fojo.

La sekciestro demandis, “Kion vi volas diri?”

Sun Eryong respondis senhezite, “Mi obeas ordonon.” “Venu kun mi por viziti armeestron” “Por kio?” “Li gastigos vin.”

En la domo de Generalo Zhang oni metis la grandan rondtablon plenan je diversaj pladoj. Kelkaj altrangaj generaloj estis tie.

Tio estis vera lasta vesperbankedo. Vizaĝe al la plej bongustaj mangaĵoj ĉiuj ne havis apetitojn.

La ĉeestantoj senvorte salutis al Sun Eryong per vino. Li tute akceptis, ŝajnigante ke li volas fintrinki la vinon de la tuta mondo.

Li ebrietis.

En la mondo ne estas eterna bankedo. La bovloj kaj pelvoj estis malplenaj. Iu divizikomandanto refoje elmetis la demandon: kion vi volas paroli?

Sun Eryong ekstaris kun ruĝa vizaĝo, skuante la kapon, kaj fiksis sian rigardon al Generalo Zhang. Subite li tirfermis sian veston.

Sur lia brusto troviĝis multaj cikatroj, ĉiu el ili entenis sangan rakonton priskribitan per liaj braveco kaj sindoneco. La cikatroj estis restitaj por Zhang Zhizhong.

Klininte la kapon ĉiuj ne povas toleri vidi. La cikatroj kvazaŭ krius kaj plorus.

Nur Zhang Zhizhong ne ŝanĝis, lia aspekto apatia. Li firme sidis kiel netranslokebla monto. Li finger montris divizkomandanton, “Stariĝu kaj montru vian bruston.”

Ankaŭ videbliĝis cikatroj sur la brusto.

Li fingre montris la duan, “Kuspu vian brakumon!”

Riveliĝis du profundaj glavaj cikatroj.

Armeanoj alfrontas arbaron de glavoj kaj pluvon de kugloj. Kial cikatroj ne estas forlasitaj?

Laste Zhang Zhizhong elŝiris propran uniformon. Aperis cikatroj sur lia bela vireca brusto.

Ĉiuj cikatroj estas por Ĉinio.

La suno leviĝis. Suno ĉe Tai’erzhuang estis pli granda kaj ruĝa.

Ekzekutado okazis en mateno.

Eble la ekzukuta ceremonio estis la plej stranga en la mondo. Apud la kavo fosita antaŭe, kunbatalantoj unu post alia adiaŭis al li per manpremoj. Zhang Zhizhong ankaŭ premis lian manon kaj diris: “Trankvile foriru. Mi mortigos pli multe japanajn agresistojn anstataŭ vi!”

Sun Eryong eniris en la kavon. Tie la ĉerko atendis vin. Li kuŝis en la ĉerko kaj fermis siajn okulojn.

Malproksimen la armeo marŝis, kun kanto en la vento:

“Grandaj patroj, fratoj  
estas honor’ en familio  
Por nacio nia iras al milito  
ili estas ĝojaj soldatoj”  
…



Pafilo eksonoris. Ĝusta trafo. La vizaĝo de Eryong fariĝis ruĝa.

Zhang Zhizhong foriris de ekzekutejo paŝon post paŝo. La vicgeneralo sekvis lin. La kanto refoje venis:

Iru, iru, patroj, fratoj,  
ne sopiru familion  
Kiam mi estos plenaĝa  
…

Zhang Zhizhong kovris sian vizaĝon per la mano kaj liaj larmoj elfluis inter la fingroj.

Post du tagoj la kompanjo ĉe Tai’erzhuang

komencis. La ĉina armeo venkis. (fino)

esperantigis **Semio**

## EL *LAŬZI*



### ĈAPITRO 63

(La unua duono de tiu ĉi ĉapitro pritraktas la kompromisan ideon pri "senagado" kaj repago de bono pro malbono. La dua duono pritraktas la reciprokan transformiĝon de facileco kaj malfacileco, kaj de grandeco kaj malgrandeco. Laŭzi proponas, ke oni devas vidi aferojn kiel el la flanko pozitiva, tiel ankaŭ el la negativa. Se oni vidas aferojn nur el la facila flanko kaj tute ne el la malfacila, oni neeviteble renkontos malfacilaĵojn. Kaj se oni prenas la malfacilaĵojn en seriozan konsideron, oni povos ilin eviti.)

Rigardu "senagadon" kiel agon,
Senaferecon kiel aferon,
Sengustecon kiel guston.
Kiel ajn malamikaj kontraŭ mi aliaj estas,
Mi ĉiam repagas al ili per "Virto".
Preparu vin kontraŭ io malfacila dum ĝi estas facila.
Ekplenumu grandan taskon dum ĝi estas malgranda.
Ĉiuj malfacilaĵoj sub la Ĉielo
Senescepte estiĝas el la stato, en kiu ili estas facilaj;
Ĉiuj grandaj taskoj sub la Ĉielo
Estiĝas el la stato, en kiu ili estas malgrandaj.
Tial la Saĝulo[1] neniam faras grandajn aferojn,
Kaj ĝuste pro tio Li povas plenumi grandajn aferojn.
Tiu, kiu facilanime promesas, ne meritas fidon;
Tiu, kiu trovas ĉion facila, renkontas malfacilaĵojn.
Jen kial la Saĝulo, kvankam tre saĝa, donas grandan atenton al la malfacilaĵoj,
Kaj pro tio Li povas eviti ĉiajn malfacilaĵojn.

[1] Vd. noton 1 de ĉap. 2.

### ĈAPITRO 64

(Tiu ĉi ĉapitro elmetas ideojn de Laŭzi pri ŝanĝiĝo kaj disvolviĝo. Laŭzi opinias, ke tio, kio estas granda, disvolviĝas el tio, kio estas malgranda, kaj ke, antaŭ ol io ajn aperas, estas senescepte procezo. Por eviti, ke io ŝanĝiĝu en sian malon, estas necese, ke oni prenu antaŭmalhelpajn rimedojn. Oni devas ankaŭ neniigi ion malbonan antaŭ ol ĝi estiĝus aŭ kreskus granda.)

La stabileco de aferoj estas facile tenebla tiam, kiam ili estas stabilaj;
Tio, kio montras ankoraŭ nenian signon de ŝanĝiĝo, estas facile priplanebla;
Tio, kio estas fragila, estas facile rompebla;
Tio, kio estas tre malgranda, estas facile dispecetigebla.
Traktu la aferojn, antaŭ ol ili estiĝus;
Kaj ordigu la aferojn, antaŭ ol ili konfuziĝus.
Grangega arbo, kiun oni apenaŭ povas ĉirkaŭi per la du brakoj, kreskas el malgranda arbido.
Alta teraso, kiu havas naŭ etaĝojn, leviĝas el malgranda teramaso.
Vojaĝo de mil lioj komenciĝas per la unua paŝo.
Tiu, kiu faras agojn, fuŝas aferojn;
Kaj tiu, kiu tenas objektojn, suferas perdojn.
Tial la Saĝulo[1] fuŝas nenion, ĉar Li estas en "senagado";
Li perdas nenion, ĉar Li tenas nenion.
Oni ofte malsukcesas tiam, kiam sukceso estas jam proksima.
Se oni estas tiel atentema en la fino kiel en la komenco, oni ne ruinigas sian aferon.
Tial la deziro de la Saĝulo estas havi nenian deziron,

Kaj Li ne valorigas rarajn varojn.
La lernado de la Saĝulo estas lerni nenion, por ripari la homajn oftajn kulpojn.
Tiamaniere Li helpas la naturan disvolviĝon de ĉiuj estaĵoj kaj sin detenas de agoj.

[1] Vd. noton 1 de ĉap. 2.

esperantigita **Wang Congfang**

# La Vivo de Pu Songling

(IV)

**Guozhu**

**Fekunda verkisto**

Dank' al sia deveno de trapasinto en gubernia ekzameno, travivaĵoj de asistanto de guberni-estro kaj privata instruisto, Pu Songling havis ŝancon kontakti kun multaj homoj el feŭdisma reganta klaso.
Samtempe, dank' al siaj longtempa vivado en kamparo kaj senĉesaj fiaskoj en ekzamenoj, Pu Songling tenis intiman interligon kun malaltaj tavoloj en socio.
Tiel li povis fari detalan observadon kaj havis profundan konon pri la vivmaniero, spirita fizionomio kaj malsamaj sortoj de diversaj homoj en feŭdisma socio, supre de burokratoj, biensinjoroj, ĝentlemanoj, kandidatoj por ŝtataj ekzamenoj, personuloj; kaj malsupre ĝis kamparanoj, vilaĝaninoj, servistinoj, kromedzinoj, hetajroj, putinoj, kaj ankaŭ de ferocaj pedeloj, malicaj lakeoj, kanajloj, friponoj, hazardludistoj, bonzoj, taoistoj, aŭguristoj …
Sur bazo de siaj riĉaj travivaĵoj kaj vivspertoj, detala observo kaj profunda kono pri socio Pu Songling ellaboris sian ĉefverkon Strangaĵoj de Liaozhai; cetere, li verkia ankaŭ
pli ol 400 eseojn en 13 volumoj,
pli ol 900 poemojn en 6 volumoj,
pli ol 100 ci-ojn en 1 volumo,
14 folklorajn ariojn (kantrakontojn),
3 operojn,
kaj 5 diverstemajn verkojn ( manlibrojn por agrikulturo kc.),
kiuj respegulis lin fekunda verkisto kun multflankaj talentoj en literaturo.

**En Vesperaj Jaroj**

Jarfine de 1709, en 70-jara grandaĝo Pu Songling finis sian karieron de privata instruisto kaj revenis al sia propra hejmo en vilaĝo de Familio Pu. La malnova hejmo estis nur "malvasta ĉambro por genuoj", sed tie li povis libere sonĝi kun rav-ĝuoj inter familianoj. Li daŭrigis senĉesan poluradon, kompletigon kaj pretigon de sia amata novelaro Strangaĵoj de Liaozhai, kaj ordigis malnovajn verkojn.
Sed la bonaj aferoj ofte daŭris kiel efemeroj. Sortobatoj sekvis unu post aliaj al la maljuna Pu Songling.
En 1713, mortis al li la edzino, fidela vivkunulino dum 56 jaroj. Kun granda doloro Pu Songling verkis funebran poemon kaj eseon pri la vivo de sia edzino Liu, en sincere amverŝo kun kortuŝa efiko.
En 1714, du nepoj en infanaĝo malfeliĉe mortis pro variolo. (daŭrigota)

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊

Eldonas Redakcio de *Penseo*
Disdonanto Lin Liyuan
Adreso: Ĉambro 501, N-ro. 72,
Strato Xitangxilu, Guangzhou,
Guangdong (510050)
……………………………………
POŜT-KUPONOJ ESTAS BONVENAJ!
……………………………………
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: Fremdlingva Fakultato, Shantou Universitato,Guangdong515063, Ĉinio
Tel: (0754) 2903012 (hejme)
E-poŝto: ydwei@stu.edu.cn
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_